KOVRILO

*Paro mane-en-mane.*

*(pixabay.com)*

**LA LAMPIRO** *59-a jaro n-ro 150 2018:2*

**Organo de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
**Redaktanto**: Paulo Sérgio Viana (psviana@terra.com.br)
**Grafikaranĝo**: José Roberto Tenorio
**Revizianto**: vakas

*La redaktanto ne respondecas pri la subskribitaj artikoloj*

# easp

**Esperanto-Asocio de San-Paŭlo**
Fondita en la 29-a de Marto 1937

**Propra sidejo**
Rua Faustolo, 124 - Água Branca
05041-000 São Paulo, SP - Brazilo
Telefonnumero: (11) 3862-1183
easp.org.br | contato@easp.org.br

**Jarkotizo por 2016**

| | |
|---|---|
| Simpla Membro | R$ 120,00 |
| Subtena Membro | R$ 240,00 |
| Ŝtatinterna Membro | R$ 60,00 |

**Deĵoroj**:
merkrede: 10h – 16h; ĵaŭde kaj vendrede: 13h – 17h; sabate: 9h – 13h.

**Estraro**
**Prezidanto**: Genildo Martins Coelho
**Vicprezidanto**: Marcos Zlotovich
**1-a Sekretariino**: Anna Lobo de Carvalho
**2-a Sekretariino**: Sidnéa da Conceição Beall
**1-a Kasisto**: José Roberto Tenorio
**2-a Kasistino**: Neide Aparecida de Freitas
**Propaganda Direktorino**: Cristina C. de Graaf

**Konsilantaro**
Paulo Sérgio Viana, Audino Castelo Branco kaj Aparecida de Souza Araújo

**Anstataŭantoj**
José Mauro Progiante kaj José Martins Coelho

## ENHAVO

# Vortoj de la redaktanto

Jen unu plia numero, denove danke al la kunlaboro de bonvolema grupo da verkemuloj. Ni dankas ilin.

La publikigo de la kolekto de La Lampiro 2017 en libroformo diskuras la mondon. De pluraj legantoj ni ricevis komentojn, ĉiam aprobajn, pri tiu eldono. Certe tiuj libretoj meritas kontinuadon, ni supozas. Estus tamen al ni interese, se ni ricevus pliajn opiniojn, proponojn kaj kritikojn. La estraro de EASP unuanime esprimas la ideon, ke oni povas kaj devas plibonigi nian periodaĵon. Tio dependas de vi, EASP-anoj kaj simpatiantoj. Ni atendas vian voĉon.



# Vortoj de la Prezidanto

## Prof. Genildo Martins Coelho



Karaj EASP-anoj:

En ĉi tiu jarkomenco 2018 elektiĝis nova estraro. Jen do okazo por repensi la vojojn de nia ŝtata movado. Estas multo farenda, precipe en la kampo de disvastigado de nia lingvo. Ni insistas, ke vi vizitu nian sidejon, precipe okaze de niaj kulturkunsidoj, ĉiumonate, en la lasta sabato.

Nova kaj bonaŭgura novaĵo estas la engaĝiĝo de junulo inter niaj aktivuloj. La vigla, entreprenema kaj kompetenta Wilian Gomes alprenis la gvidadon de la Departemento de Edukado kaj Kulturo. Li jam enkondukas novajn metodojn kaj ideojn en la asocion.

Same bonaŭgura estas la alveno de Cristina Graaf, el Ilhabela/SP, kiu eklaboras en la kampo de Esperanto kaj turismo.

EASP renoviĝas! Bonvenon al la laboro!

# Lumo en la mondo

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**

En ĉi tiu jaro 2018 oni celebras jubileon de la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj de Unuiĝintaj Nacioj. La jubileo ne estas rondcifera (70 jaroj) kaj la ĝusta monato estas decembro. Sed mi emas anticipi la atentigon, ĉar la mondo urĝe bezonas pensi pri tio. Krome, nenio malhelpas, ke oni revenu al tiu grava temo en la sekvontaj monatoj.

La ideo ne estas nova. Kvincent jarojn antaŭ Kristo la persa reĝo Ciro la II-a produktigis cilindron, sur kiu estis gravurita dokumento defendanta la rajton pri religia libereco kaj abolon de sklaveco. Ĝi rezultis de antikva tradicio pri humanismo en Mezopotamio.

En Romio, tiaj ideoj evoluis kaj kristanismo dum jarcentoj emis sekvi tiun vojon. Oni starigis la koncepton pri "naturaj rajtoj", laŭ kiuj la homo staras en la centro de justa socia kaj jura ordo. Sekvis tuta aro da tiudirektaj klopodoj tra la historio, ĝis oni alvenis al la Deklaracio de U.N. en decembro 1948.

La kanadano John Peters Humphrey kunordigis la redaktadon, ricevinte la kunlaboron de multaj homoj. Tiun inici-aton motivis la sovaĝaj okazaĵoj dum la Dua Mondmilito. En 1945, en la Konfe-renco de Yalta, potencaj nacioj starigis la bezonon pri novaj ideologiaj fundamen-toj por ia mondo de paco, justeco, demokratio. Eleanor Roosevelt plenumis gravan rolon en tiu proceso.

La deklaracio estas vaste citata. Oni tradukis ĝin en pli ol 400 lingvojn. Ĝi enhavas enkondukon kaj tridek artikolojn. La unuaj tri artikoloj tekstas jene:

"Ĉiuj homoj estas denaske liberaj kaj egalaj laŭ digno kaj rajtoj. Ili posedas racion kaj konsciencon, kaj devus konduti unu al alia en spirito de frateco."

"...tiu ĉi Deklaracio validas same por ĉiuj homoj, sen kia ajn diferencigo, ĉu laŭ raso, haŭtkoloro, sekso, lingvo, religio, politika aŭ alia opinio, nacia aŭ socia deveno, posedaĵoj, naskiĝo aŭ alia stato."

"Ĉiu havas la rajtojn je vivo, libereco kaj persona sekureco."

Pesimistoj kontestas, ke militoj kaj kruelaĵoj plu okazadas post tiu grava dokumento. Ĝi do ŝajnas al ili hipokritaĵo de potenculoj. Esperantistoj ĝenerale ne emas partopreni tiun vidpunkton. Ni ne forlasas la esperon kaj la bataladon por paco kaj justeco, kiu dekomence indikis la vojon al nia movado. La fakto, ke la homaro ankoraŭ ne sukcesas plenumi la indikojn de tiu dokumento ne signifas, ke ĝi ne pravas. Male, ni klopodas daŭre diskonigi ĝin kaj pledi por ĝiaj principoj. Ni opinias dezirinde, ke en ĉiuj lernejoj en la mondo infanoj legu, lernu kaj pensu pri ĝi.

Pli ol iam antaŭe, la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj estas aktuala kaj nepre necesa en nia tumulta mondo. Oni ne flankenlasu ĝian lumon.

# Jack kaj la mekaniko de la koro

**Anna Lobo | Carlos Eduardo Castelani (São Paulo-SP)**




`Nomo`: `Jack et la mécanique du coeure`
**Reĝisoro**: Stéphane Berla kaj Mathias Malzieu
**Tempodaŭro**: 1h 30min
**Nacio**: Francio/Belgio, 2014.
**Kategorio**: Dramo/animacio

Ĉi foje la filmo estas ege speciala! Mi malkovris tiun ege specialan filmon en la listo de Netflix, kaj mi ankaŭ scias ke ege valora amiko, Carlos Eduardo Castelani, estas ankaŭ kortuŝita de la filmo, ĉar per li mi konis ĝin. Tial mi invitis lin kunverki ĉi foje, kaj mi ege ĝojas ke li akceptis!

Miaflanke mi ŝatus danki Ana-n pro la okazo dividi kelkajn vortojn kun vi pri ĉi tiu tre simpatia filmo. Ĝin mi spektis antaŭ preskaŭ 3 jaroj kaj interesa aspekto de tiu rigardo estis ke mi tiom enamiĝis al ĝia ĉefa muziko (ludata per Ukulelo) ke post tio mi eĉ aĉetis Ukulelon nur por lerni kiel ludi ĝin. Nu, jen niaj rimarkoj pri la filmo.

La unua punkto estas ke la tuta familio povas ĝin spekti. Ĝi rakontas pri Jack, knabo kies koro estis glaciigita je lia naskiĝo kaj de tiam li havis horloĝan mekanikan koron por vivi, sekve el kio li ne povas enamiĝi aŭ havi fortajn sentojn. La unua afero rimarkebla en la filmo estas la zorgo per kiu la kreintoj pripensis la etoson de la filmo kaj la roloj.

Kun scenejo en brita, franca kaj hispana urboj, ĝia etoso sentiĝas iom vaporpunke, iom vitorianece kun la Dentardoj, mekanismoj, maŝinoj aldone ke la roloj estas stiligitaj per tre interesaj manieroj. Tio donas al la spektanto la senton ke la filmo ja ne estas ordinara, jam de ĝiaj unuaj minutoj.

La rakonto estas vere tre fabeleca. Multaj aspektoj de la filmo memorigas detalojn kiuj aperas en tiaj specoj de filmo, ekzemple kiam Jack estas forlasita de sia patrino, ankoraŭ bebo, kaj adoptita de maljuna virino; kiam li estas persekutata en lernejo de fia knabo (kiu finfine iĝas lia malamiko), kaj ĉefe la fakto ke li, ankoraŭ en komenco de la filmo, enamiĝas al knabino sed tiu iĝas neatingebla amo pro lia denaska problemo en la koro.

*(Daŭrigota en la paĝo 10)*

# Filozofio por nia ĉiutaga vivo

## Eskapismo: danĝera neceso

**José Mauro Progiante (Bauru-SP)**

Estante konscia pri la realaĵoj, multfoje suferigaj, la homo trovas senŝarĝigan rimedon en sia kapablo imagi. En pli aŭ malpli alta grado, ĉiuj ni uzas tiun mensan povon por foriĝi dumtempe de la problemoj. Oni nomas eskapismo tiun psikan mekanismon de sindefendo, de fuĝo, de negacio de la plej proksimaj realaĵoj.

En la filozofio, la sinteno de la epikuristoj, kiuj rifuĝis en ĝardeno por vivi en simpleco, estas rigardata kiel ekzemplo de eskapismo. En la literaturo, la Romantikismo, movado de la XIXa jarcento, havas eskapismon inter siaj ĉefaj karakteraj trajtoj. La personoj de la romantikaj verkoj provas eskapi el la realaĵoj per la sonĝo, la frenezo, la elvoko de la pasinteco aŭ eĉ la morto.

Eskapismo povas esti saniga. Tiel ĝi estas kiam la individuo rezervas parton de sia tempo por aktivecoj plezurigaj kaj alportantaj ioman intelektan, moralan, kulturan aŭ emocian riĉiĝon, kiel vojaĝi, legi, spekti filmojn, praktiki arton aŭ sporton, kaj li profitas tiujn periodojn por fortikiĝi interne kaj poste reveni al siaj ĉiutagaĵoj. En tiu kazo, la defenda mekanismo bonefikas, ĝi helpas la personon elporti materialajn malfacilaĵojn, alfronti emociajn katastrofojn kaj eviti depresion.

Kiam la persono perdas la kapablon



regi tiun mekanismon de eskapo el la realaĵoj, estiĝas noca eskapismo. Ene de ĝi la individuo estas damaĝita, perdas la kontakton kun la realo, komencas vivi kvazaŭ la vera mondo estas tiu, kiun li kreas en sia menso, en kiu li pasigas la plimulton de sia tempo, aŭ sub efiko de drogoj aŭ eĉ absorbiĝinta en licaj aktivecoj, kiaj komputilludoj kaj virtualaj rilatoj.

La personoj, kiuj havas pli da libertempo, inter ili adoleskantoj kaj senlaboruloj, estas pli fortaj kandidatoj al noca eskapismo, tamen ĉiuj ni riskas eniri en tiun danĝeran situacion, eĉ se ni troviĝas en intensa profesia aktiveco. Tiu risko ekaperas kiam la realaĵoj iĝas por ni tro ĉagrenigaj kaj ni komencas atendi senpacience la distrajn momentojn.

*(Daŭrigota en la paĝo 9).*

# Juraj aferoj

## Stabila kuniĝo

**Massaro kaj Shigueco Takahasi (São Paulo - SP)**

**KARAKTERIZO**. La brazila Civila Kodaro “rekonas kiel familian organizon la stabilan kuniĝon inter viro kaj virino, reprezentatan laŭ publika kunvivado, kontinua kaj daŭra, kaj establitan kun la celo formi familion” (Leĝo 10.406 de 10.1.2002, art. 1.723).

Tiel, la stabila kuniĝo devas esti publika, kontinua kaj daŭra kun aspekto de “geedzeco” antaŭ aliuloj. La paro devas kuniĝi kun la celo formi familion. Simpla amindumo ne konsistigas stabilan kuniĝon. Gefiloj naskitaj de tiu kunrilato ne estas sufiĉa pruvo por reprezenti stabilan kuniĝon.

**KONSISTIGO**. La stabila kuniĝo povas formiĝi inter personoj de malsamaj aŭ samaj seksoj, kiel okazas en geedzeco. Stabilan kuniĝon povas estigi fraŭlaj kunuloj, jure separitaj aŭ divorcitaj, gevidvoj, same kiel la geedzoj efektive separitaj (sed ankoraŭ ne formate divorcitaj).

**NOMDISTINGO**. La partoprenanto en stabila kuniĝo estas nomata kunul(in)o aŭ kunvivanto.

**FORMALIGO**. Ĝin oni povas formaligi per iu ajn maniero, per atesto farita de la kunvivantoj mem komputile aŭ manskribe. Por ke oni ĝuu ĉiujn rajtojn nuntempre agnoskitajn por la stabila kuniĝo, rekomendindas ke la atesto estu publike registrita en notariejo. Oni devas montri la komencan daton de la kunvivado, informi ĉu estas komunaj gefiloj kaj kiu posedaĵo-reĝimo validas ĉe la kunvivantoj.

**ATESTO-AVANTAĜOJ**. La stabila kuniĝo publike registrita en notariejo maldependas de alia pruvo. Krom rajtigi al la kunulo ke li/ŝi estu inkluzivita en abonoj por servoj de kuracistoj, dentistoj, kluboj kaj aliaj, ĝi ankaŭ permesas la plenan asekuro-pagon en okazo de akcidento. Per tio oni garantias rajtojn en kuniĝo inter samseksuloj kaj protekton koncerne la havaĵojn, kio favorigas la aliigon de kuniĝo al geedzeco.

**POSEDAĴO-REĜIMOJ**. Ili povas esti de la tipo parta kundivido de posedaĵoj, kun fina partopreno en la komunaj akiraĵoj, deviga apartigo de posedaĵoj (specialaj kazoj), plena apartigo de posedaĵoj laŭ decido de la paro.

**LOJALECO-POSTULO**. Ĝi devas esti praktikata cele al la konfirmo de la stabila kuniĝo. Temas pri la reciproka devo de ekskluziva kaj sincera dediĉo inter la kunvivantoj.

**RAJTOJ KAJ DEVOJ**. Al la kunvivantoj koncernas: I – reciproka respekto kaj konsidero; II – reciprokaj morala kaj

materia subtenoj; III – protekto, subteno kaj edukado de la gefiloj komune naskitaj (art. 2-a de la Leĝo 9.278 de 10.5.1996).

**HEREDAĴOJ**. Laŭ freŝdata decido de la Federala Supera Kortumo, en Brazilo, la kunvivantoj estas samrajtaj kiel la geedzintoj koncerne heredecon (art. 1.829 de la Civila Kodaro).

**PENSIO**. La kunvivanto rajtas ricevi pension de la Ŝtato okaze de morto de la alia kunulo.

**LEĜAJ MALHELPOJ**. La brazila leĝaro emfazas per la art. 1.521, de la Civila Kodaro, la kazojn de malhelpoj por geedziĝo, kiuj estas la samaj por la stabila kuniĝo (§1 de artikolo 1.723): Ordinare, personoj kun grado de parenceco laŭ sangaj rilatoj aŭ afineco, kiel posteuloj kun antaŭloj, afinuloj el rekta famildeveno, adoptinto edz(in)iĝinta kun la adoptito kaj adoptito edz(in)iĝinta kun la adoptinto, gefratoj unuflankaj kaj ambaŭflankaj, kaj ceteraj flankaj rilatoj, ĝis la tria grado, adoptito kun fil(in)o de la adoptanto, kaj edziĝintaj personoj. Krom tio, ankaŭ edz(in)o, postvivanta kun la kondamnito, pro murdo aŭ murdo-provo al sia kunulo.

**DISIĜO**. Eblas ĝin fari per iu ajn maniero. Principe ĝi sekvas la saman proceduron de divorco por tiuj civile edziĝintaj. Por eviti problemojn, konsilindas ke oni publike ĝin registru en notariejo, se estiĝas akordo inter la kunvivantoj. En okazo de malakordo, la disiĝo devas okazi laŭ leĝa vojo, en la Juĝejo pri Familiaferoj kaj Heredecoj.



## Daŭrigo de la pago 7 *(Eskapismo: Danĝero necesa)*

Estas grave mezuri la tempon, kiun ni konsumas per eskapismaj aktivecoj, kiuj ŝajnas al ni plezurigaj dum sia ĝuado, sed estigas en ni, ĉe sia fino, la senton de tempoperdo, Kiam ilia tempodaŭro komencas malhelpi niajn rilatojn kaj forpreni nian kuraĝon alfronti la realaĵojn, tiam estas horo por repreni la regadon de nia propra tempo. Se ni havas tro multe da tempo, bona decido estas plenigi ĝin per io utila, ekzemple lernado de lingvo (do lernado de Esperanto helpas eviti nocan eskapismon!), teknika kurso aŭ manlaboro, preferinde io, kio kontribuu al nia interrilatiĝo kun aliaj homoj kaj helpu nin realigi la dezirojn de nia reala vivo.

Resume, se ni havas la kapablon, plie, se ni havas la neceson imagi la bonon, krei interne de ni serenan pejzaĝon, malgraŭ ke ekstere regas tempesto, ni tion faru, ni fuĝu portempe el la duraj realaĵoj. Tamen ni ne forgesu la danĝeron fali en nocan eskapismon.

# Sukcesaj BEL-Konferencoj 2018

En la 30-a kaj 31-a de marto 2018 okazis en la bela urbo Juiz de Fora, en la brazila ŝtato Minas Gerais, unu plia evento en la serio “BEL-Konferencoj”, sub la aŭspicio de Brazila Esperanto-Ligo kaj Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro. En amika, entuziasma etoso, en bona ĉambro en la Muzeo de Fervojoj, laŭ la tradicio sin sekvis ok altnivelaj prelegoj. Post ĉiu prelego, la aŭskultantaro povis demandi kaj diskuti. Oni prelegis pri loka poeto (Nazaré Larocca), Interna Ideo de Esperanto (Affonso Soares), “Esperanto jam Venkis” (José Passini), apo Amikumu (Karina Oliveira), “Apozicio kaj Nominacio en Esperanto” (Francisco Wechsler), fidplena Esperantisteco (Elmir Lima), vivo de Francisco Waldomiro Lorenz (João Santos) kaj pri 200-jara verko Frankenŝtein (Paulo Viana).



Ĉeestis 45 homoj el 4 brazilaj ŝtatoj, kiuj ricevis kajeron kun la resumoj de ĉiuj prelegoj. Ankaŭ bongustaj lunĉoj estis proponitaj. La tuta evento estis senpaga. En la unua tago, vespere, profesia muzikemsembro regalis la publikon per unuhora ludado de tradicia brazila muziko.

La BEL-Konferencoj fakte jam definitive sukcese eniris la kalendaron de la brazila Esperantomovado.

## Daŭrigo de la pago 6 *(Jack kaj la mekaniko de la koro)*

En lia hejmurbo Edimburgo kelkaj problemoj okazasal li kaj al lia patrino, kaj pro tio li devas forlasi ĝin.Tiam komenciĝas granda eksterlanda vojaĝo kaj aventuro kiu multe transformas lin. Tiu vojaĝo estas plena je renkontoj kun interesaj roluloj. Multo ankoraŭ okazas, sed ni ne volas plu malkaŝi, ĉar ni volas nur instigi ĝian spektadon! Fakte, ni ambaŭ konsentas pri tio ke unu el la plej kortuŝaj aspektoj de la filmo estas ke Jack, la ĉefa rolulo, ne povas havi intensajn sentojn nek pasiiĝi pro tio ke eble li forpasus je kolapso de la horloĝa koro. Ĉu multaj el ni ne estas tiaj kia li?

Pro ĉio tio, ni forte apogas ke vi spektu la filmon! Ni certas ke vi ege ĝuos tiun momenton kun familianoj! Bonan spektadon kaj ĝis la sekva filmo!

# Homaranisma kunveno

## Ĉiun duan monaton en la sidejo de EASP

En 1913, en la unuaj linioj de sia Deklaracio pri Homaranismo, tiamaniere sin prezentIs Zamenhof:

*"Mi estas homo, kaj la tutan homaron mi rigardas kiel unu familion; la dividitecon de la homaro en diversajn reciproke malamikajn gentojn kaj gentreligiajn komunumojn mi rigardas kiel unu el la plej grandaj malfeliĉoj, kiu pli aŭ malpli frue devas malaperi kaj kies malaperon mi devas akceladi laŭ mia povo. Mi vidas en ĉiu homo nur homon, kaj mi taksas ĉiun homon nur laŭ lia persona valoro kaj agoj. Ĉian ofendadon aŭ premadon de homo pro tio, ke li apartenas al alia gento, alia lingvo, alia religio aŭ alia socia klaso ol mi, mi rigardas kiel barbarecon."*

Plurajn esperantistojn inspiris Homaranismo, kaj inter ili, Profesoro Walter Francini. La homaranisma grupo de San-Paŭlo, fondita en la jaro 1993, estis idealigo de li. Ĝia celo estas frate kunvenadi por komunaj interparoladoj kun aliaj samideanoj surbaze de la homaranismaj principoj. Nuntempe la kunvenoj okazas en la sidejo de EASP, ĉiun duan monaton, dimanĉe, je la kvara horo posttagmeze. La kalendaro por 2018 estas la jena: 25-a de Februaro, 29-a de Aprilo, 24-a de Junio, 26-a de Aŭgusto, 28-a de Oktobro, kaj 2-a de Decembro.



*L. L. Zamenhof (1859-1917)*

La invito partopreni la homaranismajn kunvenojn estas etendita al ĉiuj esperantistoj, kiuj simpatias kun la "interna ideo" de Esperanto – frateco kaj justeco inter ĉiuj popoloj. Ene de la temoj libere priparolataj dum la kunsidoj estas verkaĵoj pri filozofio, etiko, religioj, kaj nuntempaj sociaj defioj. La interŝanĝoj de vidpunktoj estas instigaj kaj profitdonaj.

Zamenhof enfazas, ke homaranismo estas ja idealo privata, kiun al aliaj esperantistoj li tute ne intencas altrudi. Homaranismo estas aro da principoj, ne entrepreno. Ĉiu homo konservas sian principaron tiel longe, kiel ĝi estas konsenta kun liaj konvinkoj. Ne gravas, ĉu ĝi havas multe da partianoj aŭ malmulte.



# Neforgesebla verko

## Ivan, la sesa - de Geraldo Mattos

**Paŭlo S. Viana (Lorena-SP)**







Multaj libroj estas publikigataj ĉiutage. Kelkaj el ili restas poreterne en la menso de la homoj — ili fariĝas klasikaj. La plimulto forgesiĝas, post pli aŭ malpli longa tempo, kaj ili meritas forgeson, ĉar ili enhavas limigitan enhavon, nedaŭran influon en la mondo. Ekzistas tamen certaj libroj, kiuj meritus fariĝi klasikaj, kaj tamen iras en la skatolon de la forgesitaj. Ĉi tiujn ni povus nomi "maljuste forgesitaj" libroj. Nobla laboro estas reaperigi ilin kaj montri, ke ili devas stari inter la longvivaj.

Tion faris Asocio Esperantista de Rio-de-Ĵanejro, en la jaro 2017. Ĝi reeldonigis la valoran verkon de la karmemora Geraldo Mattos, kiu restis dum jardekoj forgesita: "Ivan, la Sesa". La unuan eldonon, en 1953, aperigis Kultura Kooperativo de Esperantistoj, en Rio, kiam la aŭtoro estis apenaŭ 22-jaraĝa. La verko anoncis la brilan karieron de la tiama junulo.

La nova eldono aperis sub la sigelo de "Libro-Mondo, Dokumenta Esperanto-Centro", rezulto de pola-kroata kunlaboro. Iniciatis la aferon la brazila Profro Fernando Pitta, el Rio, kiu mem verkis interesan, riĉenhavan antaŭparolon. Redaktis Tomasz Chmielik. La klare presitan, grandformatan volumon ornamas bela kovrilo.

"Ivan, la Sesa" estas tragedio en kvin aktoj, tute verkita en deksilabaj versoj dupe rimitaj. Ĝi similas la Ŝekspirajn tragediojn. La temo estas la vivo de Ivan, kiu heredis la tronon de Rusujo. Ankoraŭ en infana aĝo, li estis sekrete enkarcerigita de Elizabeto, kiu uzurpis la tronon. La fiagon daŭrigis Katarino, tiel ke la princo pasigis sian tutan vivon en ombraj arestejoj. Trans la reprezento de krueleco kaj maljusteco motivitaj de amo al reĝpotenco, aperas la pli profunda demando: kio estas vera libereco por la homa spirito? La pastro, kiu konsolas Ivanon en la karcero diras:

*"Sur pajlo dolĉe dormas l' arestito,*
*Pli pace, ol en la palaca lito*
*La monstroj, kies koroj multe pekas,*
*Kaj kontraŭ kiuj gravaj venĝoj blekas."*

Malgraŭ la klasika, versa formo, la verko estas facile legebla. La versoj sin sekvas flue, la vortordo estas tute natura, la rimoj bele trovitaj. Malmulte da apos-

*(Daŭrigota en la paĝo 22)*

# Eŭreka
## La ciklo de Calvin en la fotosintezo

**Guilherme Jardim (Charqueada-SP)**

**Kiel la verdaj plantoj donas al ni manĝaĵon kaj oksigenon**

Kiel ĉiuj scias, la verdaj plantoj eltiras karbondioksidon el la aero kaj akvon el la grundo kaj transformas ilin en oksigenon kaj karbonajn komponaĵojn uzante la sunan lumon kiel energion. Ĉiuj aliaj vivantaj estaĵoj, inkluzive de ni, kalkulas je tiu procezo kiel precipa fonto de manĝaĵo kaj de oksigeno, kiun ni enspiras. La procezon oni nomas "fotosintezo" kaj ĝiaj ĝeneralaj aspektoj estas konataj ekde la fino de la dek-oka jarcento. Sed, kiuj estas ekzakte la kemiaj reakcioj envolvitaj? Tiu estis unu demando farita de Malvin Calvin, biokemiisto de la universitato en Kalifornio, Berkeley, kune kun siaj kolegoj James Bassham kaj Andrew Benson. La grupo malkovris la tutecon de la kemiaj reakcioj en la centro de la fotosintezo, ekde tiam nomata "Ciklo de Calvin".

La metodo uzita de la skipo envolvis la uzadon de la karbono 14, radiaoaktiva izotopo. La ideo de Calvin (ekde tiam amplekse uzata en biokemio) estis uzi la radioaktivecon venintan el karbono 14 por traserĉi la lokon de la atomoj. La uzita vegetaĵo estis unu el la plej simplaj, unu akva mikrobo nomata Chlorella pyrenoidosa, kreskigita en kulturo sub forta lumo, en la ĉeesto de ŝaŭma karbondioksido. La tekniko konsistis en tio, ke oni rapide enmetis malgrandetan porcion de karbondioksido akiritan per la radioaktiva isótopo, kaj tiam, kelkajn sekundojn poste, mortigo de la Chlorella kaj analizo de la karbonaj komponaĵoj en ĝi ekzistantaj. Iuj ajn komponaĵoj radioaktivaj devus esti kaŭzitaj de la fotosintezo, produktitaj el la karbondioksidoj radioaktivaj al kiuj la Chlorella estis almetita.

Calvin kaj lia skipo pasigis ĉirkaŭ dek jarojn laborante en tiu projekto kaj trovis plurajn komponaĵojn, kiuj devus esti envolvitaj en la procezo. Ŝajnis ke la kemiaj reakcioj sekvis ian ciklon en kiu la karbondioksido ĉeestis en unu punkto kaj la sukera glikozo ekaperis en alia punkto. Tamen, ne ĉiuj eltrovoj ŝajnis alĝustiĝi inter si. Tiam, en 1958, Calvin havis ian momenton de "Eŭreka". La historio estas pli bone rakontita pere de liaj vortoj: "Iutage, mi atendis sidante en la aŭto dum mia edzino aĉetumadis en vendejo. Dum mi estis tie, malantaŭ la stirilo, la trovo de la komponaĵo kiu mankis ekaperis al mi tiel – fulme. Kaj ankaŭ tiel, ek, en la daŭro de sekundoj, la naturo de la kompleta ciklo de la karbono iĝis al mi evidenta(...) ĉio okazis al mi dum tridek sekundoj." La ĉenero perdita de la ciklo,

*(Daŭrigota en la paĝo 15)*

# Lisbono - gasturbo de la UK 2018

## Historio de Lisbono (Portugalio)

**Cristina Graaf (Ilhabela/SP)**

***"Lisbono, Sinjorino de la Maroj"***
*(1300 ĝis 1755)*

Pluraj ekspedicioj estis entreprenitaj kun portugalaj ŝipanaroj. Malkovris la insularojn Açores, Madeira kaj Canárias. La granda impulsinto estis Infante D. Henrique, kiu disvolvis planon, kiu ne apartenas al li, sed al komercistoj de Lisbono, kiuj subtenis la monarkion, sendepende de la teritoria aristokrataro de la nordo. Ĝi organizis kaj direktis la penadojn de la portugalaj ŝipoj por atingi la fontojn de oro, eburo kaj sklavoj. Pluraj ekspedicioj estas organizitaj en ĉefurboj de la Ordeno de Kristo ĝis la Golfo Gvineo fine estis atingita ĉirkaŭ 1460. Tamen, la plej bonaj merkatoj venos el la malkovro de Hindujo kaj la Oriento. Aliflanke de la mondo, Petro Alvares Cabral alvenis Brazilon en 1500.



*Bruligo de herezuloj per Aŭtodafeo (1540)*

Lisbono estis la luksa merkato por elitoj tra Eŭropo. La homoj de Lisbono kontrolis la komercadon de Japanujo al Kelto dum pluraj jardekoj. Lisbono estis fama kaj en la 16-a jarcento estis sendube la plej riĉa urbo en Eŭropo. La grandaj profitoj estis uzataj en la konstruado de la Monaĥejo de la Jerônimos, Turo de Belém, Fortikaĵo de Sankta Lourenço do Bugio, Terreiro do Paço, Reĝa Palaco, Milita Arsenalo, Reĝa Hospitalo de Ĉiuj Sanktuloj kaj pluraj palacoj kaj privataj domegoj. La stratoj estis pavimentitaj per geometriaj formoj formitaj per kuboj de blanka kalkŝtono kaj nigra basaltŝtono — la "portugala trotuaro". La loĝantaro de la urbo atingis 200.000 loĝantojn. Bairro Alto estis konstruita, la plej riĉa kvartalo en la urbo.

La Bazaro de Ŝtelistino ekis en 1552 kaj funkcias en la sama loko ĝis nun.

Kulture vivis en Lisbono en la 16-a jarcento la ora generacio de la portugalaj sciencoj kaj literaturo: Damião de Góes, Pedro Nunes, Garcia da Orta, Duarte Pacheco Pereira, Luis de Camões, Bernardim Ribeiro, Gil Vicente, Isaac Abravanel. Socie ĉiuj klasoj profitis, la homoj vivis lukse, kio estis neebla al angloj, francoj kaj germanoj, iliaj samtempuloj. Judaj enmigrintoj alvenis, iuj malriĉaj kaj iuj tre riĉaj kaj kleraj. La sklavoj ankaŭ venis el Afriko. Kaj la galegoj, forkurante de la mizero de kampara kaj fundamentisma Hispanio.

Sub la influo de ĉi tiu sama Hispanio, ankaŭ estis la imposto de la konvertiĝo de la judoj al kristanismo, kun minaco

de elpelo, kaj tiel ekestis la Novaj Kristanoj. Tiam venis la inkvizicio. En 1506 okazis la masakro de la novaj kristanoj, kun la morto de ĉirkaŭ 3000 homoj. La unua aŭtodafeo, la morto de herezuloj per brulado, okazis en 1540 en Terreiro do Paço. En 1569, estis la granda Pesto de Lisbono, kiu mortigis trionon de la loĝantaro.

La malfortiĝo de la burĝaro kaj la alianco inter la aristokrata nobelaro de la nordo kaj la kastilia nobelaro kulminis kun la ascendo de Reĝo Dom Felipe la Dua de Hispanio kiel reĝo Dom Filipe la Unua de Portugalio en 1580, kaj poste absorbo de la regno de Portugalio al la Reĝlando de Hispanio.

La problemoj de komerco kondukis la komercistojn al alianciĝo kun la malsupera kaj meza burĝaro, kaj ili persvadi la dukon de Braganza, Dom João, akcepti la tronon. La konspirantoj sturmis la palacon de la reganto kaj aklamis la novan reĝon, Dom João la Kvara, kun la subteno de Kardinalo Richelieu de Francio kaj ankaŭ de Anglujo. Oni nomis Restarigon de Sendependeco.

La post-restariga Lisbono estis urbo plifoje regata de katolikaj religiaj ordenoj. La Inkvizicio servis kiel instrumento de subpremo kaj kontrolo de la popolo en la reĝado de Dom Johano la Kvina. Li ordonis la konstruadon de la Akvedukto de Águas Livres en 1731.

La situacio de ekonomia ruino estis riparata per la malkovro de oro en Brazilo, kies enspezoj reprezentis preskaŭ la tutan ŝtatan buĝeton.

Kontraste kun la riĉeco de la elitoj, la homoj vivis en mizero. La loĝantaro estis ĉirkaŭ 185,000 loĝantoj, kaj aperis dum ĉi tiu periodo la plej fruaj priskriboj de Lisbono kiel malpura kaj dekadenca urbo. Nur du jarcentojn poste ĝi estis konata kiel la plej prospera kaj kosmopolita urbo en Eŭropo.



## Daŭrigo de la pago 13 *(La ciklo de Calvim en la fotosintezo)*

kiun Calvin ĵus malkovris, estis komponaĵo nomata acido fosfoglicerika. La substanco devenas de komponaĵo kiun Calvin jam konis, nomata ribozo difosfato, pere de aldono de karbondioksido. La fina produkto de la fotosintezo, glikozo, estas produktata en ĉeno de reakcioj kiuj transformas la fosfogliko-acidon denove en ribulozodifosfaton, por esti reutiligata. Calvin kredis firme starigi ligilojn inter la sciencistoj de la diversaj fakoj. Kiam li fariĝis ĉefo de granda laboratorio en Berkeley, li projektis konstruaĵon sen limmuroj por ke la esploristoj povu havi facilan aliron inter si. Tiu saniga principo nur nuntempe ekestas uzata en aliaj laboratorioj, en diversaj lokoj.

*M. Calvin, Scienc, 135, 879-889 (1982)*

# Poezia sperto

## Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)

Ĉirkaŭata de la montaro nomata Serra dos Órgãos, la sukriĉa Atlantika Arbaro estas mirindaĵo, kaj vi ĝin povas ĝui ĉe REGUA loĝejo, en Guapiaçu Ekologia Rezervo, Bieno Sankta Jozefo de Guapiaçu, situanta je 80 km en la nordoriento de la urbo de Rio-de-Ĵanejro.

Tie la vizitanto pasigos pacajn kaj belegajn tagojn meze de tre agrabla loko administrata de la simpatio kaj komplezemo de la posedantoj kaj servistoj.

Paradizo de riĉa flaŭro kaj faŭno, loko tre serĉata de birdgvatantoj kaj de brazilaj kaj fremdaj sciencistoj, la rezervo ofertas belajn promenadojn laŭ la padoj kondukantaj al la superbaj akvofaloj, kantantaj riveroj kaj floraj lagoj. Tiamaniere la gastoj povas malkaŝi la misterojn de la arbaro.

La gastejo havas dek klimatizitajn ĉambrojn, sunvarmigitan akvon, ampleksan kaj komfortan salonon, grandan manĝoĉambron, bonegan bibliotekon pri Natura Historio; krome oni povas uzi la naĝejon ĉe ĝardeno kaj senpagan retaliron.

Ĉe la rando de la gastejĝardeno troviĝas duetaĝa turo, kie estas bonega loko por matene gvati birdojn en la arboj, kaj vespere ĝui la ĉarman sunsubiron inter geamikoj.

Jen nepre vizitinda natura loĝejo por vi kaj via familio!

---------------------

*Restadejo REGUA - Guapiaçu Ekologia Rezervo - Bieno Sankta Jozefo de Guapiaçu*
*http://regua.org.br/*



# Tradukekzerco

***Francisco Wechsler*** *proponas kiel ekzercon*
*la tradukon de la ĉi-suba soneto.*
*Kaj li aldonas sian propran version.*

## Soneto 12 el *Íntima Parábola* de Afonso Félix de Sousa (1925–2002)



*Afonso Félix de Sousa (1925–2002)*

Digo à tarde um segredo, e a tarde me dá onze
chicotadas de um mar de grandeza e granizo.
Jogam-se dos torreões as pétalas de bronze
que cobrem de outro tempo os campos onde piso.
Saber que vivereis num ontem sempre agora,
saber que estarei sempre onde vos encontrardes,
saber que meu caminho haveis de andar, senhora,
a soltar de entre as mãos nuvens de antigas tardes.
Vendo-vos, imagino um jardim todo hortênsias
que por mil multiplica a alma de vosso rosto.
Não vos vendo, imagino um jardim todo ausências
que por mil multiplica a alma de vosso rosto.
Ébria dos próprios tins de azule de vermelho,
a tarde se olha em vós — e oculta-se no espelho.

Al vespero sekretas mi, kaj dekunufoje
la vespero min skurĝas per glacigruza maro.
El kastelturoj plonĝas bronzpetaloj survoje,
pavimas per pasint' mian padon sen fanfaro.
Scii, ke vi plu daŭros en nuna hieraŭo;
scii, ke mi vin sekvos por ĉiam, sinjorino;
ke vi min akompanos sur padoj de antaŭo,
nubojn de pravesperoj verŝante el la sino.
Vidante vin, mi kreas ĝardenon el florfestoj,
ĝi l' animon de via vizaĝo milobligas.
Sen vidi vin, mi kreas ĝardenon el forestoj,
ĝi l' animon de via vizaĝo milobligas.
Kolorebria, bluas la vespero kaj ruĝas,
rigardas sin ĉe vi — en spegulon tuj rifuĝas.

# Pri nia kara lingvo

## La uzo de komoj en frazoj enhavantaj rilatajn propoziciojn

**Herbert Welker (Brasília-DF)**

Iu interretuzanto kiu interesiĝas pri komputila prilaboro de Esperanto asertis:

*La uzado de komo en esperantaj tekstoj estas vera koŝmaro por komputila prilaboro.*

Kaj li aŭ si eksplikis:

***En esperantaj tekstoj ŝajnas, ke reguloj por uzado de komoj ne ekzistas.*** *Oni povas trovi ankaŭ en tre konataj tekstoj ĉiujn eblojn de uzado. Mi ĝis nun ne trovis en iu esperanta gramatiko konkretajn regulojn por uzado de komoj. Tio estas en tradicio de fundamento, kiu tiun temon ankaŭ ne pritaksas¹. Ankaŭ tre ampleksa MPEG [Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko], priskribas komo nur tre malplene (vidu: Helposignoj). Kutime tiuj publikaĵoj ne volas altrudi regulojn, sed priskribas aktualan statuson.*

***Mi analizis multajn tekstojn kaj supozas, ke la uzado de komo devenas plej parte de nacia lingvo de aŭtoro.*** *Poloj uzas polajn regulojn, la germanoj uzas germanajn regulojn. Malfeliĉe uzado de komoj en naciaj lingvoj estas tre varia. En rusa lingvo la reguloj estas tre rigoraj, oni uzas komon relative ofte. Germanaj kaj polaj reguloj estas tre similaj. Angla lingvo evitas komojn, kiam tio estas ebla kaj ankaŭ malpermesas la uzadon de komoj en* lokoj, en kiuj la komo estas por *aliaj lingvoj tre kutima (ekzemple vorteto "ke"-"that").* (*)

Alia interretuzanto donis tute aliajn informojn:

***La aŭtoroj*** *[de la Plena Analiza Gramatiko]* ***listigas 9 regulojn****, kiujn ili deduktis el la verkoj de Zamenhof kaj aliaj aŭtoroj kaj el la ĝenerala lingvouzo dum jardekoj. Kaj mi povas certigi al vi, ke legante esperantlingvajn librojn —* ***tute sendepende de la gepatra lingvo de la aŭtoro — mi retrovis precize tiun priskribitan uzon.***

Poste li listigis la naŭ regulojn, dirante, ke la unuaj sep estas sufiĉe banalaj. Sendepende de tiu pritakso mi citas nur la naŭan, ĉar mi volas paroli ĉi-tie pri la uzo de komoj en frazoj en kiuj estas rilativaj propozicioj:

*9. per komo oni apartigas suborditajn frazojn disde la ĉefa frazo. [...] Ankaŭ la rilatajn frazojn (enkondukitajn per rilativo) oni devas apartigi per komo:*

La aŭtoroj donas kelkajn ekzemplojn, sed mi mencias nur tiujn frazojn en kiuj estas rilativaj propozicioj:

*Li faris nenion el tio, kion li promesis. – La virinon, kiu vin tiom interesas, mi vidis hodiaŭ sur la strato. – Min ĝenas la bruo, kiun vi faras. — Kiu riskas, gajnas.*

Do, se oni volas obei tiun regulon, oni apartigu ĉiujn rilativajn propoziciojn (aŭ frazojn) per komoj.

Tamen ekzistas en la **portugallingva gramatiko** (kaj eble en aliaj lingvoj) interesa regulo pri la uzo de komoj:

**Oni diferencigas inter "restriktaj" kaj "eksplikaj" rilativaj propozicioj. Nur la duaj devas esti apartigataj per komoj.**

Ekzemploj (de portugallingvaj frazoj tradukitaj en Esperanton):

***1)***

*a) La gelernantoj kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon povis forlasi la klasĉambron.*

*b) La gelernantoj, kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon, povis forlasi la klasĉambron.*

En la frazo "a" la rilativa propozicio estas "restrikta". Pro la fakto, ke ne estis metitaj komoj, ĝi signifas, ke nur tiuj gelernantoj kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon povis forlasi la klasĉambron.

En la frazo "b" la rilativa propozicio estas "eksplika"; tamen mi preferus la terminon **"aldona"**, ĉar verdire la subpropozicio ne necese eksplikas ion, sed ĝi aldonas iun — plejofte nenecesan — informon; en "b" la aŭtoro de la frazo — metante la komojn — volis diri, ke ĉiuj gelernantoj estis finintaj la stilekzercaĵon kaj ili povis forlasi la klasĉambron, aŭ alidirite: la gelernantoj povis forlasi la klasĉambron; cetere ili estis finintaj la stilekzercaĵon.

***2)***

*a) La ĵus aperinta libro kiun vi rekomendis vere estas tre bona.*

*b) La ĵus aperinta libro, kiun vi rekomendis, vere estas tre bona.*

En "a" la rilativa propozicio estas "restrikta"; t.e. la aŭtoro de la frazo volis diri, ke la specifa libro kiun "vi" rekomendis estas vere bona.

La frazo "b" signifas, ke iu ĵus aperinta libro estas vere bona, kaj la aŭtoro aldonis la informon, ke "vi" estis rekomendinta ĝin. Li aŭ ŝi povintus skribi tiel: "La ĵus aperinta libro — kiun cetere vi rekomendis — vere estas tre bona."

Evidentas, ke, se oni obeas tiun regulon, ĝenerale la rilativaj propozicioj kiuj sekvas la pronomojn "tiu(j), tio, tie" kaj ankaŭ "ĉiu(j), ĉio" (kaj kelkajn aliajn) NE devas esti apartigataj per komoj, ĉar ili estas "restriktaj". Ekzemploj:

*Tiuj gelernantoj kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon povis forlasi la klasĉambron.*

*Mi ne kredas tion kion li diris.*

*Ĉu vi legis ĉiujn mesaĝojn kiujn mi sendis?*

La menciita gramatika regulo de la portugala ne ekzistas ĝis nun en Esperanto, sed en la *Plena Analiza Gramatiko* la aŭtoroj diris — aldone al la naŭa regulo — la jenon:

*Oni povas ellasi la komon antaŭ postmetitaj subfrazoj enkondukitaj per rilativo, se en la ĉefa frazo mankas la demonstrativo: Faru kion mi ordonis! – La feino sin povis transformi en kion ŝi volis.*

Tiaj frazoj havas la saman sencon kiel

*Faru tion, kion mi ordonis! — La feino sin povis transformi en tion, kion ŝi volis.*

Obeante la Esperantan regulon, mi enmetis komojn. Tamen, ĉar temas pri la sama senco kaj ĉar la rilativa propozicio estas "restrikta", kial ne ellasi la komojn?

En la supra alineo kiu komenciĝas per "Evidente" mi diris "ĝenerale", ĉar eblas

— malofte —, ke “tiuj” kaj “ĉiuj” (ktp.) ne rilatas al la rilativa propozio, sed al io menciita antaŭe (aŭ ekzemple montrata en teatraĵo). En tiu okazo, en kiu la rilativa propozicio estas “eksplika“ aŭ – prefere – aldona, oni metu komojn (laŭ la regulo en la portugala):

*Mi scias ĉion tion, kio cetere ne interesas min.*

*Ĉu vi konas tiujn homojn [la parolanto montras ilin], kiuj cetere ne havas bonan aspekton?*

En tiu okazo, en kiu la rilativa propozicio estas “eksplika“, oni metu komojn.

Kiam mi eksciis pri la regulo en la portugala, mi trovis — kaj daŭre trovas — ĝin ege interesa kaj eĉ grava, ĉar estas — kiel mi eksplikis supre — klara diferenco inter la sencoj de la jam cititaj frazoj

*a) La gelernantoj kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon povis forlasi la klasĉambron.*

*b) La gelernantoj, kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon, povis forlasi la klasĉambron.*

Plia ekzemplo:

*a) La aŭto kiun vi volas aĉeti estas tro multekosta.* (“Restrikta” propozicio: temas pri la aŭto kiun la alia volas aĉeti.)

*b) La aŭto, kiun vi volas aĉeti, estas tro multekosta.* Aŭ (kun haltostreko):

La aŭto — kiun VI volas aĉeti — estas tro multekosta. (La aŭtor(in)o de la frazo emfazas la fakton, ke estas la aparolata homo kiu volas aĉeti la aŭton.)

Pro **la evidenta avantaĝo diferencigi malsamajn sencojn per malsama uzo de komoj** mi proponas, ke oni adoptu en Esperanto la regulon ekzistantan en la portugala (kaj eble en aliaj lingvoj) pri rilativaj propozicioj.

Percepteblas, ke mi jam adoptis ĝin en ĉi tiu artikolo. Vidu — krom la donitaj ekzemploj — la jenajn frazojn (kun restriktaj rilativaj propozicioj):

*[...] mi volas paroli ĉi-tie pri la uzo de komoj en frazoj en kiuj estas rilativaj propozicioj [...].*

*Iu interretuzanto kiu interesiĝas pri komputila prilaboro de Esperanto asertis [...].*

*[...] ĝenerale la rilativaj propozicioj kiuj sekvas la pronomojn “tiu(j), tio, tie” kaj ankaŭ “ĉiu(j), ĉio, ĉie” [...] NE devas esti apartigataj per komoj.*

*En la suba alineo kiu komencas per “Evidente“ mi diris “ĝenerale” [...].*

Kunlaboranto de la revuo Esperanto (de UEA) kiu eksciis pri mia propono informis, ke en tiu revuo oni “aplikadas la cxefajn regulojn, kiujn PAG (Plena Analiza Gramatika Gramatiko) preskribas, sed kun gxuste tiu adapto, ke limiga (t.e. restrikta) rilativa subpropozicio ne bezonas komencan komon; tamen post ĉiu subpropozicio kiu ne finas la ĉefpropozicion, [oni] metas komojn”.

Se mi aplikas tiun adaptitan regulon al unu el mia ekzemploj, jen la rezulto:

*La gelernantoj kiuj estis finintaj la stilekzercaĵon, povis forlasi la klasĉambron.*

Laŭ tiu regulo NE ekzistas komo post la subjekto (“gelernantoj”), sed antaŭ la verbo (“povis”).

Bone, oni povas inventi iujn ajn regulojn, sed lingvistoj kaj gramatikistoj kiuj

*(Daŭrigota en la paĝo 26)*

# Lingvoj en la mondo
## Verboj de movado en la pola lingvo

**Ricardo Potozky de Oliveira (Curitiba-PR)**

Kvankam la pola lingvo influis iujn trajtojn de Esperanto (ĉefe en ĝia vortprovizo kaj fonologio), ĝi estas tre malsama lingvo.

La sep gramatikaj kazoj (Nominativo, Genitivo, Dativo, Akuzativo, Instrumentalo, Lokativo kaj Vokativo), la tri gramatikaj genroj (Ina, Vira kaj Neŭtra) kaj malsama prononco ol tiu, al kiu ni kutimas estas la plej okulfrapaj trajtoj por esperantaj aŭ portugallingvaj parolantoj.

Tamen, unu el la karakterizaĵoj de la pola lingvo kiu plej altiris mian atenton dum studoj — kaj kiu ankaŭ ĉeestas en aliaj slavaj lingvoj — estas la verboj de movado.

"Mi iras al la kino"... Tre simpla frazo, ĉu ne? Por diri ajnan similan fazon en Esperanto, la sola ŝanĝo okazas en la verbotempo de IRI. Tamen, en pola, la situacio estas sufiĉe malsama.

*Iść, chodzić, jechać, jeździć...* Ĉiuj tradukitaj kiel IRI. Kiel ni scias kiam uzi ĉiun? Nu, tio dependas de du aferoj: ofteco kaj rimedoj de transporto uzata.

Se vi iras per tera transporto, vi uzas jechać aŭ jeździć.

Sed, se vi iras sen tera transporto (i.e. piede), vi uzas iść aŭ chodzić.

Sed kiam uzi unu aŭ alian? Nu, ĝi dependas de la ofteco:

Se la IRI-agado estas daŭra procezo en ties evoluo (i.e. daŭras, ĉu en la pasinteco, ĉeestanta aŭ estonteco), tiam vi uzos iść aŭ jechać.

Se la IRI-agado okazas kun iom da ofteco (ĉiam, ĉiutage, ofte, ktp. — "neniam" inkluzivita)? Tiam vi uzos chodzić aŭ jeździć.

Sekve, kvar manieroj por traduki "Mi iras al la kino":

Idę do kina (unua singularo de IŚĆ - piede — daŭra procezo; e.g. en ĉi tiu momento, se en la ĉeestanta).

Jadę do kina (unua singularo de JECHAĆ — per tera transporto — daŭra procezo).

Chodzę do kina (unua singularo de CHODZIĆ — piede — ripete okazanta fenomeno; e.g. ĉiam, ĉiutage, ofte, ade ktp.).

Jeżdżę do kina (unua singularo de JEŻDŻIĆ — per tera transporto — ripete okazanta fenomeno).

Vi rimarkis, ke mi diris, ke *chodzić* kaj *jeździć* estas verboj, kiuj indikas uzon de TERA transporto, ĉu ne? La kialon vi devas jam imagi: La ekzisto de malsamaj verboj por rimedoj de aera transporto (lecieć/latać) kaj mara transporto (płynąć/pływać).

Post ĉio tio, ne devus esti pli da apartecoj pri verboj de movado... Ĉu ne? Nu...

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

Mi parolu nun pri la verbaj aspektoj.

Ĉiuj verboj de la pola lingvo estas perfektivaj aŭ neperfektivaj.

Perfektivaj verboj estas tiuj, kiuj priskribas agojn kun difinitaj komenco kaj fino. Tio estas, agoj kiuj jam estis kompletigitaj en la pasinteco aŭ kiuj estos kompletigitaj en la estonteco.

La neperfektivaj verboj estas tiuj, kiuj priskribas nekompletajn, kutimajn aŭ kontinuajn agojn.

Ĉi tio signifas, ke preskaŭ ĉiuj verboj de la pola lingvo havas du versiojn, unu perfektivan kaj unu neperfektivan. Tio okazas ankaŭ por la verboj de movado.

Sekve, ni ankoraŭ havas la perfektivajn versiojn de la verboj de movado: *Pójść, pojechać, polecieć, popłynąć…*

Kaj, kompreneble, ekzistas aliaj verboj de movado en la pola lingvo preter ĉi tiuj, kiuj havas specifajn tradukojn en Esperanto, kiel, ekzemple, porti (nieść /zanieść, per piedo; wieźć/zamieźć, en veturilo).

Kiu imagus, ke Esperanto ŝajnos eĉ pli facila, ĉu ne?

*Ricardo Potozky estas studento de Pola Filologio ĉe la Federacia Universitato de Paranao, en Brazilo.*



## Daŭrigo de la pago 12 *(La neforgesebla verko)*

trofoj kaj perfekte fundamenta frazkonstruo. Vere talenta, larĝaspira dramo.

Kurioze, ke de tempo al tempo aperas versoj, kiuj stumblas en la silabonombro. Por fari ilin deksilabaj, oni devas iom pene kunigi du vokalojn en unu solan silabon:

"Vortice kaj fiere en la salonon" (pĝ. 29) ("Vortice kaj fieren la salonon")

"Al li instruanta la rezignacion" (pĝ. 32) ("Al linstruanta la rezignacion")

"Kies plenumo ne estas malfacila" (pĝ. 35) ("Kies plenumo nestas malfacila")

Foje aperas naŭsilabaj versoj:

"Laŭdanta nin ĉe iliaj voĉoj" (pĝ. 77) facile povus alĝustiĝi per: "Laŭdado al ni ĉe iliaj voĉoj".

"Se, skrapante sian korpon, nutron" (pĝ. 69) facile povus alĝustiĝi per: "Se, traskrapante sian korpon, nutron".

Nu, tiaj etaj misoj tute ne kompromitas la verkon. Mi ilin notas nur por pruvi, ke mi atente, detaleme tralegis ĝin. Tion devas fari la amantoj de Poezio kaj Dramo.

Gratulon al AERĴ kaj Prof-ro Pita pro la valora iniciato! Kaj honoron al la eminenta Geraldo Mattos!



# Lingvaj Respondoj

## Kiel uzi en Esperanto epitetojn, kiuj funkcias kiel substantivoj?



Francisco Wechsler

Alivorte, kiel traduki en Esperanton Portugallingvajn esprimojn similajn al la jenaj: *o inevitável aconteceu, o duro é viver preso, sobreveio o inesperado, o roto falando do esfarrapado, o apressado come cru ktp.?*

La ĉefa punkto, kiun oni devas firme teni enmense, estas, ke en Esperanto adjektivo ne povas roli kiel substantivo, substantivo ne povas roli kiel adjektivo, adverbo ne povas roli kiel substantivo ktp. Substantivo, adjektivo kaj derivita adverbo havas siajn respektivajn, neŝanĝeblajn finaĵojn. Por ke tia rolŝanĝo efektiviĝu, oni nepre devas ŝanĝi la finaĵon kaj eble aldoni sufikson. Ekzemple: *la **neeviteblo** okazis; ja estas **malfacile** vivi arestita (aŭ **malfacilas** vivi…); trafis onin **neatenditaĵo**; **mizerulo** kritikas **ĉifonulon**; **hastemulo** manĝas **krudan manĝaĵon*** ktp.[1]

Tamen en kelkaj okazoj estas permesate uzi adjektivon substantivece (ne substantive!), kiam eblas subkompreni substantivon, kaj kiam la signifo restas klara. Do oni ankaŭ povus diri: ***la neevitebla** [afero] okazis*; *trafis onin **la neatendita** [afero]*. La enmeto de la artikolo *la* emfazas, ke temas pri subkomprenata substantivo, kaj tial ofte aldonas klarecon.

Jen klasikaj ekzemploj, ĉerpitaj el la Evangelio laŭ Mateo, ĉapitro 5:

*3 Feliĉaj estas **la** [homoj] **malriĉaj** en spirito, ĉar ilia estas la regno de la ĉielo.*

*4 Feliĉaj estas **la plorantaj** [homoj], ĉar ili konsoliĝos.*

*5 Feliĉaj estas **la humilaj** [homoj], ĉar ili heredos la teron.*

*7 Feliĉaj estas **la kompatemaj** [homoj], ĉar ili ricevos kompaton.*

*8 **Feliĉaj estas la kore puraj** [homoj], ĉar ili vidos Dion.*

En la ĉi-supraj ekzemploj, kompreneble, oni povus transformi adjektivojn en substantivojn, uzante la o-finaĵon kaj, se bezone, taŭgan sufikson: *Feliĉaj estas la **plorantoj**, ĉar ili konsoliĝos; Feliĉaj estas la **humiluloj**, ĉar ili heredos la teron*; ktp.

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

Jen pliaj ekzemploj ĉerpitaj el la Epistolo al la Romanoj, de apostolo Paŭlo:

15 *[…] Ĉar se per la eraro de unu mortis* ***la multaj*** *[homoj], des plimulte abundis al* ***la multaj*** *[homoj] la graco de Dio […].*

*19 Ĉar kiel per la malobeo de unu* ***la multaj*** *[homoj] fariĝis pekuloj, tiel per la obeo de unu* ***la multaj*** *[homoj] fariĝos justaj.*

Sekvas pluraj Zamenhofaj ekzemploj, ĉerpitaj el Plena Manlibro de Esperanta Gramatiko (PMEG-15.01):

*La palaco de la imperiestro estis* ***la plej belega*** *[palaco] en la mondo.*
*Mi legas al vi nur* ***la plej delikatan*** *[parton].*
*Mi ne donos al vi manĝi, ĝis vi pagos por* ***la antaŭa*** *[manĝo].*
*Vi ne estas* ***la unuaj*** *[personoj], kiujn mi vidas hodiaŭ matene.*
*Mi devis oferi* ***la agrablan*** *[aferon, eblon] pro* ***la utila*** *[afero, eblo].*
*Ĉiuj homoj certigis, ke ili ĝin legis kaj komprenis, ĉar alie oni ja rigardus ilin kiel* ***malsaĝajn*** *[homojn].*
*Rekta vojo estas pli mallonga, ol* ***kurba*** *[vojo].*
*Hodiaŭ estas* ***la dudek sepa*** *[tago] de Marto.*
*Georgo Vaŝington estis naskita* ***la dudek duan*** *[tagon] de Februaro.*
*Via pano estas malpli freŝa, ol* ***mia*** *[pano].*
*Kial al li estus permesite ekspluati por si kaj por* ***la siaj*** *[homoj] ĉion.*
*Vi ankaŭ min redonu al* ***la miaj*** *[homoj].*
*Mi ne volas tiun ĉi supon, donu al mi* ***alian*** *[supon].*
*Ŝi estas jam edzino de* ***alia*** *[viro]!*
***Alian*** *[homon] ne mallaŭdu, vin mem ne aplaŭdu.*
*El ŝiaj multaj infanoj unuj [infanoj] estas bonaj kaj* ***aliaj*** *[infanoj] estas malbonaj.*
*Laboru en konsento kaj helpu unu [persono] al la* ***alia*** *[persono].*
***Multaj*** *[legantoj] kredeble balancas senkrede la kapon, legante miajn vortojn.*
***Multaj*** *[amikoj]el niaj amikoj ne volas pacience atendi kaj labori.*

-------------------

(1) La lastajn du esprimojn konsilindas anstataŭigi per jam tradiciaj Esperantaj parolturnoj.

Por la unua, oni povus elekti el inter la jenaj parolturnoj:

*En fremda okulo ni vidas ligneron, en nia ni trabon ne vidas; en fremda tegmento li flikas truon kaj en propra ne vidas la fluon; malproksime vidas, antaŭ la nazo ne vidas; propran ĝibon neniu vidas; kaj propran vangon neniu batas.*

Por la dua, oni povus elekti el inter la jenaj parol-turnoj:

*Rapide — senvide; tro rapida akcelo ne kondukas al celo; tro rapida faro estas nur baro; kaj tro rapida laboro, tro malgranda valoro.*



# Iom da poezio

## La poeto Belmiro Braga

**Maria Nazaré Laroca (Juiz de Fora-MG)**

*"Homoj estas tiel, kiel riveroj:*
*— ili ĉiam malgrandas en la loko,*
*kie ili naskiĝas..."*

(Belmiro Braga)

Poeto, dramisto kaj rakontisto multfoje premiita, Belmiro Belarmino de Barros Braga naskiĝis la 7-an de januaro 1872, ĉe bieneto en la malgranda vilaĝo "Vargem Grande", distrikto de Juiz de Fora, urbo en kiu li loĝis kaj mortis la 31-an de marto 1937. Lia naskiĝloko fariĝis urbo Belmiro Braga.



*Belmiro Braga*
*(1872-1937)*

Belmiro Braga, Murilo Mendes kaj Petro Nava estas la tri plej brilaj steloj el la konstelacio de verkistoj de Juiz de Fora. Tamen Belmiro Braga estas la plej populara poeto de nia urbo, vera reĝo de la humuraj kaj satiraj kvarversaj poemoj, kaj multaj el liaj versaĵoj fariĝis publika havaĵo, apartenanta al la populara kanzonaro.

Lia satira vervo, per mokema kaj krea voĉo, estas heredaĵo de la fama poeto Gregório de Matos; krome oni povas aserti, ke lia verkaro tuŝas la tiaman estontan modernisman poezion de Oswald de Andrade.

Krom poezio (sonetoj, kvarversaj poemoj), Belmiro Braga verkis dramajn tekstojn kaj rememorojn, fabelojn, kronikojn, akrostikojn, epigramojn kaj aforismojn. Li estas konsiderata de multaj kiel la plej bona lirika poeto de la 1920-aj jaroj kaj ankaŭ la plej bona brazila satiristo de tiu tempo.

Kvankam la lirika stilo de Belmiro prezentas trajtojn de la eŭropa romantika tradicio, lia poezio malfermis la pordojn al la portugala lingvo libere parolata en nia lando. Tia karakterizaĵo jam anticipas la proponojn de la "Semajno de l' Moderna Arto", okazinta en 1922, en San-Paŭlo.

Dum sia tuta vivo, Belmiro Braga kutime interŝanĝis leterojn kun multaj amikoj. Pro la granda facileco rilatiĝi kun ĉiuj homoj, li amikiĝis kun famaj verkistoj kaj poetoj kiel Olavo Bilac, Alphonsus de Guimarães, Vicente de Carvalho, Augusto de Lima, Lima Barreto, Artur de Azevedo, Sílvio Romero, kaj aliaj. Lia plej grava kaj amata plumamiko estis Machado de Assis. Belmiro fieris pri tia amikeco kvankam li neniam konatiĝis kun Machado persone.

Poezie, nia sentema poeto travivis la dusencecon, ĉar dum naiveco kaj simpleco envolvis lian lirikon, liaj mordaj,

*(Daŭrigota sekvapaĝe)*

kaŭstikaj versoj abundis en liaj satiroj.

Li gajnis la unuan premion en konkurso fare de O Jornal (La Ĵurnalo, Rio de Janeiro) per la konata kvarversa poemo:

*As almas de muita gente*
*são como o rio profundo*
*a face tão transparente*
*e quanto lodo no fundo!...*

*Profundaj, kiel rivero*
*l' animoj de multaj homoj*
*— vizaĝoj tre travideblas*
*kaj kiom da koto en fundo! ...*

Jen kelkaj gravaj titoloj: "Montesinas" (poezio, 1902); "Cantos e contos" (Kantoj kaj rakontoj — poezio kaj prozo, 1906); "Rosas" (Rozoj — poezio, 1911); "Contas do meu rosário" (Bidoj de mia rozario — poezio, 1918); "Tarde florida" (Flora posttagmezo — poezio, 1923); "Redondilhas" (Sepsilabaj versoj, 1934); "Dias idos e vividos — memórias" (Vivintaj kaj foririntaj tagoj — memoraĵoj, 1936). Belmiro Braga verkis siajn dramajn tekstojn inter 1916 kaj 1965 kaj liaj amuzaj teatraĵoj ĉiam temis pri la humuro kaj kutimoj de la tradicia kampara familio el Minas-Ĵerajso. Ekzemple: "Medo de mulher", 1916 (Timo al virino) "Um juiz de fora em Juiz de Fora" 1917 (Ekstera juĝisto en Juiz de Fora), "Na roça", 1961 (En kamparo); "Na cidade" (Ĉe urbo); "O divórcio" (La divorco); "Porto, Madeira e Colares; Que trindade!", 1926 (Porto, Madeira kaj Colares; Kia trio!)

Lia fama teatraĵo "Na Roça" (Ĉe kamparo) estas surscenigita, kiel muzika komedio, en urbo Kampino (SP), en 1998. La teksto de Belmiro Braga rekreas la sagacan spiriton de l' kamparano per amuza intrigo farĉita de konfuzaj misrenkontoj. Ankaŭ en San-Paŭlo ĝi estas surscenigita sub la nomo de "Sonhos de uma Roça de Verão" (Somerkampara sonĝo), libera adaptigo fare de Jorge Julião, en 2015.



## Daŭrigo de la pago 20 *(Pri nia kara lingvo)*

studas la ĉefajn eŭropajn lingvojn trovus ege strange, ke oni apartigas la subjekton ("gelernantoj") de la verbo ("povis") per komo. Imagu frazojn kiel "La infano, dormas", "Ili, lernas Esperanton". Por mi tio ne estas akceptebla.

Male la regulo de la portugala estas ne nur ĝusta, sed tre utila, kiel mi eksplikis supre.

(*)http://bonalingvo.org/index.php?title=Pri_la_uzo_de_komo&action=edit

# 12º Congresso Paulista de Esperanto

## Atibaia - SP

### 12 - 14 out 2018

## Novas faces do Esperanto na era digital

easp.org.br/asocio/congresso

Realização:




Esperanto-Asocio de San-Paŭlo



Brazila Esperanto-Ligo

Apoio cultural:

Prefeitura da
Estância de Atibaia
Estado de São Paulo



# Kulturkunveno

## 26 majo 2018

En la sidejo de EASP



Preleganto:

Raoni Sousa

# Vojaĝo kaj Novjara Festo en Ĉinio